# BRAZILA ESPERANTISTO



OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

9-a Jaro — Numero 7-8-9

JARABONO
En Brazilio 3$000
Eksterlande 5 fr. (2 Sm.)

Julio-Septembro 1918

REDAKCIO—PRAÇA QUINZE DE NOVEMBRO
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO


## DATREVENO DE ESPERANTO

La 21an de Julio pasis la datreveno de l' apero de Esperanto.

Tiun daton la brazilaj samideanoj kutimas festi per kunveno. Malgraŭ la nunaj malfacilaĵoj, ni ne volis ke tiu laŭdinda uzado malaperu, tiel pruvante ke ĉe ni la esperanta sento neniel malpligrandiĝas.

La solenan feston, organizitan de Brazila Ligo, ĉeestis tre multe da personoj. Ĝin prezidis Dro A. Couto Fernandes, kaj Dro Venancio da Silva faris tre belan paroladon, klarigante la celon de l' kunsido. La parolinto rediris, per allogaj kaj fluemaj vortoj, la historion de nia kara lingvo depost la ekpublikiĝo de l' unua verko de l' nemortebla genio de Zamenhof ĝis la lastaj sukcesoj de nia mondlaboro, eksterlande kaj ĉe ni. Fine li rememoris la altvaloran helpon, kiun faris al nia afero Dro. Antonio Carlos Ribeiro de Andrada, nuna ministro de Financoj de l' Respubliko, dum la 4ª Kongreso, kunveninta en Juiz de Fóra, kaj la decidon aprobitan de tiu Kongreso, kies plenumo estis tuj okazonta, per la solena inaŭguro de lia portreto en la sidejo de Brazila Ligo.



DroAntonio Carlos Ribeiro de Andrada, bonfarinto de Esperanto en Brazilio kaj Ministro de l' Financoj

Efektive, post la parolado, ĉiuj ĉeestis la inaŭguron de l' portreto de dro Antonio Carlos, kiun tie reprezentis lia privata sekretario dro João de Souza Vargas. La portreto estas vera artaĵo, farita de nia samideano la laŭreata pentristo sro Levino Fanzéres. Brazila Ligo oferdonis al lia edzino bukedon de belaj naturaj rozoj.

Deklamis tiam poeziojn la ĝentilaj fraŭlinoj Maria Luiza Bocayuva, Yrany Baggi de Araujo, Esther kaj Julieta Pires Pinto.

Antaŭ kaj post la kunsido ludis la himnon «Espero» la muzikistaro de l' «Fajrobrigado», ĝentile cedita de ĝia komandanto, kolonelo Ribeiro da Costa.

Dum la kunsido, la 1a sekretario, dro J. B. Mello e Souza, legis multajn telegramojn, per kiuj niaj samideanoj el Rio kaj el la Ŝtatoj salutis la «Bonfarinton» de Esperanto, dron Antonio Carlos.

—

Post la solena festo la gesamideanoj gaje partoprenis en nia ĉiumonata familia «Teo». Ĝi estis, kiel ĉiam, tre afabla kunveno dum kiu oni multe paroladis, ridis kaj deklamis poeziojn kaj humoraĵojn.

Ĉeestis la teon nia angla samideano sro R. Thompson, militmaristo, kies neatendita apero fariĝis memorinda interesaĵo.

La ĉeestantojn oni regalis per teo kun biskvitoj, bombonoj de ĉokolado kaj verdaj stelformaj sukeraĵoj.

## Strato Zamenhof

La 21an de Julio, ĉeestante kelkaj anoj de Brazila Ligo Esperantista kaj Brazila Klubo «Esperanto», okazis la inaŭguro de la strato Zamenhof. De tiam la nomo de nia glora majstro estas ligita al la ĉefurbo de Brazilio.

## Esperanto en la Normala Lernejo

Je la 9a de Aŭgusto malfermiĝis nova kurso de Esperanto en la Normala Lernejo, sub la gvidado de l' tiea profesoro dro Annibal Pinto de Souza. Ĉeestis la inaŭguran lecionon dro A. Couto Fernandes, inspektoro de l' kursoj de Esperanto en Rio de Janeiro. Jam enskribiĝis 30 lernantinoj.

Dro Ignacio Amaral, klera direktoro de tiu lernejo, promesis sian tutan apogon por ke la kurso bone sukcesu.

## UM ANNIVERSARIO

Reune-se hoje no Rio de Janeiro a Directoria da «Brazila Ligo Esperantista» para commemorar o 31º anniversario do apparecimento do Esperanto. Foi, com effeito, no dia 21 de Julho de 1887 que surgiu no mundo uma timida brochura atirada por desconhecido semeador em um sulco fructifero. Essa semente germinou, cresceu, floresceu, tornou-se uma grande arvore, cujos galhos, pouco a pouco, cobriram o mundo inteiro. Timida brochura, dissemos, pois que o seu autor escondêra-se sob o pseudonymo de Dro Esperanto. Esse audacioso, que teve a coragem de escrever uma «lingua internacional», receiava publicar o seu nome, tão modesto era elle.

Campinas não póde ficar indifferente deante dessa commemoração, pois aqui nasceu o primeiro grupo esperantista do Brasil, em Março de 1906, o «Suda Stelaro». Dois annos mais tarde desabrochava um outro grupo, e, quando dizemos desabrochava, empregamos o termo exacto: era um grupo feminino composto das mais gentis senhoritas do escól campineiro. Ainda não deve estar de todo apagado da mente de muitas familias o brilhantismo das reuniões que o «Virina Grupo» realisou nos salões do Club Campineiro onde, em 1909, recebeu tão gentilmente os delegados do segundo Congresso brasileiro de Esperanto.

Que bellas recordações...

Na commemoração de hoje será inaugurado, na séde da Liga, o retrato do dr. Antonio Carlos Ribeiro de Andrada, grande bemfeitor do Esperanto no Brasil, justa homenagem de «samideanoj» agradecidos á qual nos associamos de coração, nós esperantistas da vanguarda em nossa terra.

Campinas, 21 de Julho de 918.

*João Keating.*

(Vice-presidente da B. L. E)

(Do «Commercio de Campinas» — Campinas — E. de S. Paulo).

## Komenco de "La Luziadoj"

El *Ludoviko de Kamoens.*

*Batalojn kantas mi de l' heroaro,*
*Kiu de l' hejma bordo luzitana*
*Tra l' ne ankoraŭ ŝipirita maro*
*Ĝis trans insulo velis Taprobana,*
*Kaj da danĝero en militofaro*
*Pli venkis, ol permesas fort' homana,*
*Ĝis kiam, inter malproksimaj gentoj,*
*Stariĝis novaj regno-fundamentoj.*

*Kaj kantos mi de reĝoj glor-memoron,*
*Kiuj potencon de la imperio*
*Disvastigante, sanktan kruco-gloron*
*Firmigis en Afriko kaj Azio.*
*Per heroaĵoj, kies altvaloron*
*Laŭrkronis senmortec' en historio.*
*Rakontos ĉion mi en kanto-partoj,*
*Se vi min helpos, ho geni' de l' artoj.*

*Ĉesu de l' saĝa Greko kaj Trojano*
*Ŝipirojn laŭdi, kiujn ili faris.*
*Kaj kiel Aleksandro kaj Trajano*
*Por venkaj militiroj sin preparis;*
*Mi kantos vin, ho glora Luzitano,*
*Ĉe kiu Mars', Neptuno serve staris,*
*Silentu do, antikva Muzo kanta,*
*Eksonos glor', pli alten leviĝanta !*

Eltirita el la libro «Parnaso de Popoloj», de *A. Grabowski.*

## FLOROJ
### (Sino Adelina Lopes Vieira)

Tie, ĉe l' angulo de la saloneto, sur tiu granda blua kusenseĝego, ŝi pasigadis la tagojn, kun la kapo pendita kaj tremanta, krucigitaj la manoj sur la genuoj, la okuloj je ruĝo ĉirkaŭitaj, jam nebrilaj, fiksataj sur floraĵo de l' tapiŝo aŭ mirigitaj je la rozoj kaj jasmenoj, kiuj velkis en vazo, kaj la lipoj sulkigitaj kaj enprofundiĝintaj moviĝante en senfina maĉado.

Ŝi nur parolis, kiam oni devigis ŝin, kaj respondis rapide kaj decidige.

Ĉirkaŭe petolis la tri pranepinoj, sed ŝi ne ŝajnis ilin vidi, nek ridetis pro iliaj naivaj demandoj, tiel enprofundiĝinta ŝi vivis en la rigardado de interna mondo.

Tiu animo nur gardis unu pasion de l' tempo, kiam ŝi suferis kaj amis ; nur unu noto kortuŝis ankoraŭ intense al ŝiaj oreloj, unu sola formo vivigis rapide ŝiajn okulojn, iam nigrajn, kaj malfermetiĝis je rido la mallarĝa buŝo, kie antaŭ longe vivis kisoj.

La floroj !

Si estis belega, diris la maljunuloj, kiuj estis infanoj, kiam ŝi brilis ; tion certigis la portreto, kiu okupis la honoran lokon de l' salono de ŝia nepino.

Kiam oni rigardadis sur la pentraĵo tiun fieran frunton, tiujn grandajn, profundajn okulojn, la buŝon ruĝan, malgrandan, karnoriĉan, sentaman, la vangojn je neĝo kaj rozoj, la multajn ondmovajn malhelajn harojn ; kiam oni rigardadis la perfektan modelon de tiuj tiel blankaj ŝultroj, tuj oni malsuprenlevis la vidon sur la bluan kusenseĝegon, kie dormis aŭ songis tiu ruino.

Nenio absolute restis el la brilegaj tridekjaroj, kiuj estis tie fotografataj. Nenio ? En la kolmalkovro de l' portreto kontrastante kun la nigra veluro de l' korsaĵo montriĝis ruĝa kaj velura rozo kaj en la loko, kiu estis kolo de tiu viva skeleto, ĉiam estis ankaŭ rozo.

Ian tagon mi montris al ŝi la portreton kaj demandis ŝin ĉu ŝi havas saŭladojn je l' tempo, kiam ŝi estis bela inter la plej belaj.

Ŝi skuis la blankan kapon kaj respondis :

— Jes, mi memoras. Kia bela rozo !... Mi mem ĝin diŝiris... Sajnas al mi ke tio okazis hieraŭ kaj ke mi sentas ankoraŭ ĝian parfumon...

Kaj denove ŝi falis en sian kutiman malviglecon.

Oni rakontis ke ŝi inspiris grandajn pasiojn kaj ke... ian fojon, ŝi amis aŭstran militiston, spritan, elegantan kaj princon.

Estis granda la malfeliĉo, kiun tiu amo kaŭzis kaj ian fojon, timante esti surprizitaj de ŝia edzo, kiu alvenis neatendite, kiam ili interparolis noktomeze, ili saltis, ŝi pendita en liaj brakoj sur la balkonon de l' unua etaĝo kaj li en la ĝardenon, ĉar li perdis la ekvilibron savante ŝin.

Oni diris ke, kiam ŝi lin vidis fali, ŝi havis fortojn ne nur por ne krii, sed ankaŭ por lin renkonti mortinta post kelkaj horoj kaj por lin treni sola ĝis la dometo de l' ĝardenisto, de kie oni lin alportis sekrete tre malproksimen.

Pri nenio ŝi ŝajnis memori.

Elizo, la plej maljuna kaj petolema el la pranepinoj, malkovris en kaso de malnovaj paperoj la portreton de l' malfeliĉa amito kaj ĝin montrante al la maljunulineto demandis ŝin ĉu tiu bela junulo estas la praavo.

Ne, ŝi respondis, post kiam ŝi rigardis rapide ŝajne indiferenta, la flavigitan fotografaĵon datumitan je kvindek jaroj antaŭe ; ne, tiu mortis en ĝardeno, kuŝita sur violetoj.

Mi havis belajn violetojn, belajn, belajn!.. Sur la hina laka tablo, kiun tie vi vidas, ŝi havis apude riĉan vazon el Indujo, kie vivis dum horoj la plej belaj floroj de l' somera ĝardeno en Petropolis, kie la nepino, la vicgrafino G. havis palaceton. Ĉiumomente ŝi ilin kisis kaj aspiris englutema ilian parfumon.

Estis la tago de l' naŭdeka datreveno de tiu, kiun oni nomis — La bela Alcino — kaj el ĉiuj partoj venis floroj, el Friburgo, Therezopolis, Minas kaj eĉ el S. Paŭlo alvenis rozoj, violetoj, kariofiloj, kamelioj, jasmenoj kaj hortensioj. Estis multego ! Kian ĝojon por la kompatinda maljunulineto ! Ŝi ĉirkaŭiĝis per floroj, en la kolo, sur la genuoj, sur la tablo, sur la seĝoj, kiuj estis pli proksime, eĉ tere en korboj.

Lasu min tiel, lasu min tiel !...

Si prenis, ridante, la lakton, kiu estis ŝia sola manĝaĵo, tuj enigante la vizaĵon kaj la manojn en tufojn de rozoj kaj jasmenoj.

Kiam, post la vespermanĝo, je la deserto, venis al la saloneto, tenante la tasojn da ĉampano, la filoj, nepoj, kaj pranepoj de l' naŭdekjarulino, kiun ili amis, por ŝin gratuli, kriante entuziasme, ili vidis ke ĉirkaŭprenante grandan bukedon, kun la frunta ĉirkaŭita per la festonoj el la loniceroj, per kiuj oni ĉirkaŭigis la kusenseĝegon, kun la buŝo duonmalfermita je rideto de neesprimebla ĝuo, la maljunulineto estis senmova. Oni ŝin vokis, oni ŝin kisis, oni kriis korpreme sufokigitaj !...

Ŝi mortis kviete, feliĉa en plena posedaĵo de siaj solaj amoj, sen ia sopiro, sen ia saŭdado !...

La floroj !... La floroj !...

Tradukis

*Julia Fernandes.*

---

# PREPOSIÇÕES

**Exemplos**

**A**

A rosa pertence a Theodoro. La rozo apartenas al Teodoro.

Dei um livro a meu tio. Mi donis libron al mia onklo.

Da egreja á casa. De la preĝejo al la domo.

Indifferente ao perigo. Indiferenta al (*ou* : kontraŭ) la danĝero.

Elle veio á minha casa. Li venis al mia domo.

Vendi um livro a Paulo. Mi vendis libron al Paŭlo.

Ella tem grande amôr á sua filha. Ŝi havas grandan amon al sia filino.
Obediencia ás leis. Obeo al la leĝoj.
Elle é util á sua patria. Li estas utila al sia patrujo.
Elle mora proximo á cidade de Paris. Li loĝas proksime al (*ou* : de) la urbo Parizo.
Elle está habituado ao trabalho. Li estas kutimita al la laboro.
Este vinho é inferior ao outro. Tiu ĉi vino estas malsupera al la alia.
Elle appoiou-se ao muro. Li sin apogis al la muro.
Desejar a alguem muitas felicidades. Deziri al iu multe da feliĉoj (*ou* : multajn feliĉojn).
Elle foi condemnado ao exilio. Li estis kondamnita al la ekzilo.
Aonde vaes ? Vou á casa de Pedro.—Kien vi iras ? Mi iras al la domo de Petro. Mi iras ĉe Petron.
Vou a Londres. Mi iras al Londono. Mi iras Londonon.
Elle foi ao encontro de Pedro. Li iris renkonte al Petro.
Attribuir alguma cousa a alguem. Atribui ion al iu.
Elle estava á janella. Li estis ĉe la fenestro.
A essas palavras... Ĉe tiuj vortoj.
A' luz da lua. Ao luar.—Ĉe la lumo de la luno. Ĉe la lunlumo.
A' minha chegada elle partio. Ĉe mia alveno li foriris.
Ao pôr do sol. Ĉe la sunsubiro.
Elle está ao meu lado. Li estas ĉe mia flanko. Li estas apud mi.
Sentar-se á mesa. Sidiĝi ĉe (*ou* : je) l' tablo.
A principio. En (*ou* : ĉe) la komenco.
Dos pés á cabeça. De la piedo ĝis la kapo.
De Março a Dezembro. De Marto ĝis Decembro.
As despezas montam a duzentos mil réis. La elspezoj altiĝas ĝis ducent milrejsoj.
Cara a cara. Vizaĝo kontraŭ vizaĝo.
Deus fez o homem á sua imagem. Dio faris la homon laŭ sia modelo (*ou* : simile al si).
Ao pé da letra. Laŭvorte.
Ao pintar. Laŭ deziro.
A' franceza. Laŭ franca modo. France.
A meu pedido. Laŭ mia peto.
Elle canta ao som da guitarra. Li kantas laŭ la sono de l' gitaro.
A meu vêr. Laŭ mia opinio.
Elle morreu á fome. Li mortis pro (*ou*: de) malsato.
Elle foi morto á espada. Li estas mortigita per glavo.
Tirar á força. Forpreni per forto.
Prompto a morrer pela patria. Preta por morti pro la patrujo.
Elle empresta a 8 %. Li pruntas por ok procento.
Comprei as pêras a dois mil réis a duzia. Mi aĉetis la pomojn po dumil rejsoj por ĉiu dekduo. (*ou* : po du milrejsoj ĉiudekdue).
Passo a passo. Paŝo post paŝo.
Gota a gota. Guto post guto. Pogute.
A' sombra de uma arvore. Sub (*ou* : en) la ombro de arbo.
Calcar aos pés. Premi sub (*ou* : per) la piedoj. Piedpremi.
Isso deu-se a 3 de Maio. Tio okazis je la tria de Majo. Tio okazis la trian de Majo.
Elle chegou á mesma hora. Li alvenis je la sama horo.
A que horas te levantas ? A' 7 horas da manhã. — Je kioma horo vi leviĝas ? Je la sepa matene.
Ao romper d'alva. Je ekmateniĝo. Je ektagiĝo.
Estou á sua disposição. Mi estas je via dispono.
Amae ao proximo como a vós mesmo. Amu vian proksimulon, kiel vin mem.
Tres a tres. Triope.
A's mãos cheias. Plenmane.
Ao mesmo tempo. Samtempe.
Elle deve acostumar-se a comer pouco. Li devas kutimi manĝi malmulte.
Andar á pé. Piediri.
A como está o kilo de carne? A mil réis. Kiom kostas la kilogramo da viando ? Milrejsojn.
Este copo cheira a vinho. Tiu ĉi glaso havas odoron de (*ou* : odoras kvazaŭ) vino.
Pedro leva vantagem a seu irmão. Petro superas sian fraton.
Montar a cavallo. Ekrajdi. Surĉevaliĝi.
A ser assim. Se estas tiel.
Elle começou a correr. Elle pôz-se a correr. Elle deitou a correr.—Li ekkuris. Li komencis kuri.
Elles entraram a dizer. Ili ekdiris.
Caminho a seguir. Vojo irota.
Elle está prestes a sahir. Li estas tuj (*ou* : baldaŭ) elironta.
Estou a estudar. Mi estas lernanta.
Elle andou a passeiar. Li promenadis.
Ella é graciosa a dançar. Ŝi estas gracia dancante.
Navio a vela. Velŝipo.
Elle leva ás costas uma grande mala. Li portas sur la dorso grandan keston.
Estar a tres passos de... Esti tri paŝojn de... Esti je tri paŝoj de...
A's apalpadellas. Blindpalpe.

Kolektis *A. Couto Fernandes*.

# FRAZEOLOGIO-PROVERBARO

Esperanta — Portugala

El "Proverbaro" de dro L. L. Zamenhof (Kolektis A. Couto Fernandes)

| | |
|---|---|
| 135. Post vetero malbela lumas suno plej hela. Post brua vento subita silento. | 135. Depois da tempestade vem a bonança. |
| 136. Ŝtono de falpuŝigo. | 136. Pedra de escandalo. |
| 137. Sonorado al li venas, sed de kie — li ne komprenas. | 137. Ouvio cantar o gallo e não sabe onde. |
| 138. Kiu nenion valoras, plej multe sin gloras. | 138. Presumpção e agua benta, cada qual toma a que quer. O ignorante é o que mais fala. |
| 139. Ne fidu amikon, kiu havas jam flikon. Timu lupon edukitan kaj malamikon repacigitan. | 139. Não te fies em céo estrellado, nem em amigo reconciliado. Caldo requentado faz mal a doente. |
| 140. Kio fariĝis, jam ne refariĝos. | 140. O que não tem remedio, remediado está. |
| 141. Kio pasis, ne revenos. Kio pasis, nin forlasis. | 141. O tempo que vae não volta. O passado, passado. Aguas passadas não movem moinhos. |
| 142. Al fiŝ' kuirita jam akvo ne helpos. | 142. Casa arrombada, trancas á porta. Queimada a casa... acode-lhe com agua. |
| 143. Sian sorton neniu evitos. | 143. Ninguem foge á sua sorte. |
| 144. Kio estas farita, estas sankciita. | 144. O que está feito, está feito. |
| 145. En ĉeesto amata, en forest' insultata. | 145. Quem não apparece, esquece. A mortos e a idos não ha amigos. Affastamento, esquecimento. |
| 146. Kontraŭ homo fiera Dio estas severa. | 146. Quando vem ao soberbo o castigo, vem-lhe mais rijo. |
| 147. La fino kronas la verkon. | 147. O fim corôa a obra. |
| 148. Estu sinjoro de via vorto. Vorto donita estas kiel leĝo. | 148. Quem promette, deve. O promettido é devido. Palavra de rei não volta atraz. |
| 149. Formeti la aferon en la keston de forgeso. Formeti en arĥivon. | 149. Pôr uma pedra em cima. |
| 150. Formeti ĝis la grekaj kalendoj. | 150. Deixar para as calendas gregas. Prometter para o dia de S. Nunca. |
| 151. Resti maljuna knabino. Ricevi grizan haron, ne vidinte altaron. | 151. Ficar para tia. Ficar solteirona. |
| 152. Fiŝo pli granda malgrandan englutas. | 152. Em todos os tempos, os peixes grandes comerão os pequenos. Com teu amo não jogues as pêras. |
| 153. Propra sufero—plej granda sur tero. | 153. A maior dôr é aquella que se está sentindo. |
| 154. Nin instruas eraro, kiun faras najbaro. | 154. Os erros de uns são lições de outros. |
| 155. Kiu pli frue venas, pli frue muelas. Kiu venis antaŭe, muelas pli frue. | 155. Quem primeiro vem, primeiro móe. |
| 156. Frue leviĝu kaj frue edziĝu. Leviĝu kun la suno, edziĝu dum juna. | 156. Levanta-te cedo e casa cêdo. |
| 157. Pri nenio oni povas ĵuri. | 157. Não digas: «Deste pão não comerei, desta agua não beberei». |
| 158. Kiu hundon mian batas, min mem ne tre ŝatas. | 158. Quem bate no cão, bate no dono. |
| 159. Gasto kiel fiŝo baldaŭ fariĝas malfreŝa. | 159. O hospede e o peixe, aos tres dias féde. |
| 160. Belecon taksas ne okulo sed koro. Ne bela estas amata, sed amata estas bela. Eĉ monstron admiras, kiu ame deliras. | 160. Quem ama o feio, bonito lhe parece. |

Daŭrigas

Continua

## KRONIKO

**Pará**. — *Belém*. Dro Nuno Baena kune kun aliaj esperantistoj faris viziton al la klera samideano sro Medeiros e Albuquerque, tre distinginda ĵurnalisto kaj deputito, kiu trapasis tiun urbon vojaĝante al Usono.

— Okazis ĉe «Internato Baena» konkurso por la tasko de helpantinoj de la tiea kurso de Esperanto. Sukcesis finoj Alice Baena kaj Raymunda Neves da Costa, kiuj nun direktas la fakon de diktado kaj elparolado.

Je la 25a de Julio, naskiĝa datreveno de dro Nuno Baena, la direktorino kaj lernantinoj de tiu lernejo vizitis lin kaj unu el tiuj ĉi salutis lin en Esperanto.

— Aliĝis al B. L. E. la malnova esperantisto sro Marcolino Monteiro.

— Ekveturis al Rio en la monato Aŭgusto, dro Nuno Baena, nun milita kuracisto en la krozŝipo «Benjamin Constant».

**Maranhão**.— *S. Luiz*. Sro Domingos Perdigão, direktoro de la Biblioteko Publika, malfermis esperantan kurson en la Fakultato de Leĝoscienco.

— Dro Nuno Baena faris du sukcesajn paroladojn pri Esperanto en la sidejo de «Centro Portuguez», kie funkcias la Fakultato.

**Rio Grande do Norte**.— *Natal*. Je la 6a de Septembro dro Nuno Baena faris en la sidejo de «Komerca Asocio» interesan paroladon pri la internacia lingvo.

*Mossoró*. Sro Targino Soares, ano de B. L. E., kiu revenis el Rio, intencas revivigi la propagandon de nia kara lingvo.

**Sergipe**.— *Aracajú*. La 25an de Aŭgusto kunvenis la anoj de «Esperanta Klubo» por elekti novan estraron, kiu estas nun la jena: Prez.— Sro Sebastião de Albuquerque ; vicprez.— fino Norma Reis ; unua sek.— dro Alcibiades Corrêa Paes ; dua sek.— fino Cecilia Curvello ; parol.— sro Arthur Fortes kaj kas.— sro. Orlando Corrêa Leite.

La nuna prezidanto klopodas por malfermi kurson de Esperanto en la sidejo de «Sergipa Ruĝa Kruco».

**Paraná**.— *Guaratuba*. La 9an de Junio fondiĝis la «Guaratuba Ligo Esperantista», kiu celas propagandi per ĉiuj rimedoj la kreitaĵon de Zamenhof. Ĝi intencas starigi bibliotekon, eldoni librojn kaj revuon en Esperanto. Ĝiaj direktoroj estas sro Simeão Mafra Pedroso kaj sino Alexandrina da Silva Mafra.

Estis elektita protektanta ano kaj honora membro de tiu ligo dro Alberto Couto Fernandes. Ni deziras la plej grandan sukceson al la novfondita esperantista asocio.

**Rio de Janeiro**.— Je la 14a de Julio okazis inaŭguro de «Pritaneu Militar», kies celo estas instrui la gefilojn de la eksigitaj, teraj kaj maraj, oficiroj. En ĝia programo estas kurso de Esperanto, kies profesoro, dro A. Couto Fernandes, estis speciale invitita por tiu tasko.

— Je la 21a de Julio Brazila Ligo Esperantista efektivigis solenan kunvenon post kiu oni inaŭguris en ĝia sidejo la portreton de dro Antonio Carlos Ribeiro de Andrada, banfarinto de Esperanto en Brazilio, laŭ la decido de l' 4a Brazila Kongreso de Esperanto, okazinta en Juiz de Fóra. Faris la oficialan paroladon la klera esperantisto dro Venancio da Silva.

La saman tagon okazis la inaŭguro de la strato Zamenhof.

Ĉiuj ĵurnaloj raportis pri tiuj okazintaĵoj kaj la semajna revuo «Os Annaes» publikigis la portretojn de Zamenhof kaj dro Antonio Carlos.

— Estis elektita sekretario de la matena eldono de «Jornal do Commercio», la plej grava ĵurnalo en Brazilio, nia klera samideano dro Heitor Beltrão. Gratulojn !

— Je la 2a de Aŭgusto en ĝenerala kunsido de «Virina Klubo» estis elektita la jena estraro : prez.— Sino Adelina Lopes Vieira ; vicprez. — Sino Dioguina Chalréo Corrêa ; unua sek.— fino Julia Fernandes ; dua sek.— Fino Romancina Calmon kaj kas.— Sino Orizaba Guimarães.

La klubo, laŭ sia ĉiujara kutimo, faris mondonacon al Brazila Ligo Esperantista kaj al Rifuĝejo N. S. Pompeia.

Dum la monatoj Julio, Aŭgusto kaj Septembro okazis la «Esperantista Teo». Partoprenis en la literatura parto finoj Yrany Baggi de Araujo, Aurora Corrêa do Amaral, Esther kaj Julieta Pires Pinto, droj J.B. Mello e Souza, H. Motta Mendes, A. Couto Fernandes, Annibal Pinto de Souza kaj sro L' Emir Alfredo de Chehab kaj la infanoj Zilio Tosta, Jocelina Tosta, Bernardino Ferreira, Beatriz Ferreira kaj José Cameiro. Ĉeestis la du lastojn la hispana esperantisto, sro Rafaelo Gray.

— La 9an de Aŭgusto dro Annibal de Souza malfermis kurson de Esperanto en la Normala Lernejo.

— Je la 17a de Aŭgusto malfermiĝis nova kurso en la Lernejo Baptista, en Madureira, sub la direktado de fino Esther Erica Bloomfield. Ĉeestis sroj Ernesto de Araujo, direktoro, kaj José Assumpção, Americo Senna kaj Gustavo Menezes, profesoroj.

— Alia kurso estis malfermita la 26an de Septembro de dro A. Couto Fernandes. Ĝi funkcias ĉiujaŭde, de la 15a ĝis 16a en la sidejo de Brazila Klubo «Esperanto».

— Jam estis aprobita de la urbo konsilantaro en unua diskutado la projekto de dro Antonio M. Nogueira Penido pri la enkonduko de Esperanto en la publikajn lernejojn.

A. C. F.

## O ESPERANTO NO ESTRANGEIRO

**Inglaterra.**— *Londres.*— Por iniciativa dos srs. Dr. Pollen e C. Edmonds e sob o patrocinio de S. A. R. o Duque de Connaught, foi organisada uma importante reunião para prestar publica homenagem á memoria do nosso inolvidavel chefe Dr. L. L. Zamenhof. A ceremonia tève logar em Lincolnshire Rooms, sabbado 18 de Maio, ás 5 horas da tarde. Compareceram cerca de 250 pessoas, e foram lidas muitas cartas de adhesão e pezar por impossibilidade de comparecimento, destacando-se entre essas as do Marquez de Lincolnshire, Lords Buckmaster, Crew e Courtney, Professor G. Murray, Rider Haggard, Montefiore, snra Flora Sassom, os Embaixadores da America, Hespanha e do Japão e muitos outros personagens.

Depois de fazer o panegyrico de Zamenhof e da sua immortal creação, o Dr. Pollen alludio a uma das mais grandiosas ideas do *Mestre* publicada no começo da actual guerra e intitulada *Appello aos Diplomatas*, onde se vê que elle antecipou a proposta do Presidente Wilson para a organisação da *Liga das Nações*.

— A 11 de Maio houve em Morley College importante reunião da U. E. A., sob a presidencia do Dr. Pollen. Compareceram 120 esperantistas, que com interesse ouviram a leitura do relatorio sobre a acção geral da Sociedade e particular da secção de Londres durante a guerra.

— A 31 de Maio o sr. Barton Kent pronunciou na Camara do Commercio importante allocução sobre a necessidade, utilidade e opportunidade da adopção de uma *Lingua Commercial Commum*, indicando o *Esperanto* como a adequada para tal fim.

Em *Belfast*, *Birmingham*, *Bourneville* os srs Pollen e Grimmitt insistiram n'essa propaganda.

**Escossia.** — O 13.° Congresso annual da Federação Esperantista Escosseza estava annunciado para 22 de Junho ultimo.

**Scandinavia.** — *Gottenburgo.* — Foi publicado o programma do Congresso Esperantista Scandinavo, annunciado para 6 de Agosto ; até 15 de Março achavam-se inscriptos 128 congressistas : 94 suecos, 13 norueguezes, 15 dinamarquezes e 1 hungaro.

**Hollanda.** — Em *Doesburg* o sr. Dagenkamp fallou sobre a utilidade do Esperanto para os soldados e annunciou a proxima abertura de um curso para tal fim. *Harderwik.*— Continua a funccionar a Sociedade dos esperantistas belgas, que prepararam uma exposição a ser inaugurada no campo de internação d'essa localidade.

**Suissa.**— A directoria da Associação Christã de Moços, com séde em Genebra, tratou do auxilio aos prisioneiros, especialmente sob o ponto de vista intellectual. A todos distribuiu varios livros, organisou cursos, publicou gazetas. etc. Ultimamente editou um *Manual para o progresso intellectual dos prisioneiros* contendo planos de estudos para varias secções, questionarios para exames, etc. Na parte dedicada ás linguas, existe uma secção especial para o Esperanto, com um plano de estudos para aprendizagem do mesmo e exemplos.

**Allemanha.**— A' despeito da guerra o movimento de propaganda esperantista continua — *Berlim.*— Em diversos grupos o sr. Mahn pronunciou interessante discurso sobre o thema : «*Plano geral da propaganda Esperantista depois da guerra*».

*München.*— Graças aos esforços do sr. Hecktl a «*Lingvo Unuiĝo*» resolveu incluir o Esperanto na secção de instrucção.

**Austria-Hungria.** — *Budapest.* — De 13 a 18 de Abril esteve aberta a Exposição Philatelica e Esperantista que attrahiu a attenção e despertou muito interesse em todas as espheras sociaes. Compareceu o ajudante de pessôa de S. M. o Imperador, Sr. Ritter von Marterer. Discursou sobre a nossa lingua o sr. I. E. Kraus. A 14 de Abril, commemorando a morte do nosso Mestre, esperantistas de Budapest e das provincias fizeram uma reunião na exposição, ficando resolvida a reapparição da Revista Esperantista hungara.

*Praga.*— O «*Fratulina Esp. Rondeto*» organisou uma festa em honra ao Dr. Zamenhof.

*Ruttka.*— Em importante reunião de pacifistas hungaros, o Prelado Dr. Giesswein em eloquentissimo discurso estimulou especialmente os circumstantes ao estudo do Esperanto.

**Belgica.**— Apezar das actuaes calamidades da guerra os esperantistas de Waes, na Flandres Oriental, organisaram um pequeno Congresso em S. Nicoláo, durante o Pentecostes.

**França.**— Em *Beauvais* o sr. Demarcy abrio um curso especial para os soldados estrangeiros alli residentes.

**Hespanha.**— *Madrid.*— O Grupo Central esperantista acha-se installado no importante Instituto de ensino «Fomento de las Artes»

*Barcelona.*-- O grupo «*Paco kaj Amo*» fez uma bella excursão ao monte «Conreria» nos arredores d'esta cidade ; foi alli servido lauto banquete para festejar o 30° anniversario do idioma de Zamenhof. No grupo «Nova Sento» foi inagurado o retrato do nosso saudoso Mestre. O grupo «Barcelona Stelo» commemorou o anniversario da sua morte por meio de uma sessão funebre.

**Australia.**— Em Melburne, Sydney e Brisbome continua ininterrupto o movimento esperantista e com vantagem, segundo as notas e artigos da imprensa local. Em Sydney quadruplicou o numero de socios do «Zamenhof Klubo», graças a propaganda feita mensalmente na importante revista australiana «Stead's Review».

**China.**— Depois de longo desapparecimento surgiu novamente o «*Voĉo de la Popolo*», orgão esperantista do povo oriental, que se publica em Shanghai.

**Japão.**— A importante empreza «Swiss Japanese Trading C°» (drogas, productos chimicos, tintas etc.) adoptou o Esperanto para a sua vasta correspondencia.

**Estados Unidos.**— Estava annunciado o programma do 11° Congresso annual da Sociedade de Esperantista de Norte America, de 18 a 21 de Julho do corrente.

**Argentina.**— *Buenos Ayres.*— A Sociedade Esperantista Argentina celebrou importante sessão commemorativa, na data anniversaria do passamento do nosso inolvidavel chefe Dr. Zamenhof, no salão do

jornal *La Prensa*. A mesma associação solemnisou o 31° anniversario do advento do Esperanto em concorrida sessão na «Liga de Educação Racional», a 21 de Junho. Forão inaugurados cursos na sociedade «El Despertar», nos centros *Liberiga Stelo*, *Antaŭen*» e na escola publica de *Puertas-abertas* de Banfield.

*Bahia Blanca*. — O centro esperantista *Nova Sento* organisou um quadro philodramatico e fundou o periodico *Esperanto*, para seu orgão official.

V. S.

## ESPERANTO MONTHLY

*(17, Hart Street, London, W. C. I)*

Tiu monata revuo, kiu malgraŭ la milito, aperas ĉiam regule dediĉis sian Majan numeron al Portugalujo kaj Brazilio. Gi publikigis artikolon de l' fervora portugala esperantisto Sro B. Martins de Almeida sub la titolo «Esperanto en Brazilio», la poezion «Kanto de Kafkulturistoj» de nia klera samideano dro J. B. Mello e Souza kaj artikolon pri «La tria de Majo»,glora tago de la eltrovo de Brazilio.

Al ĝia distinginda direktoro, sro W. M. Page, niajn korajn dankojn.

## BIBLIOGRAFIO

**Internacia Parlamento. Ĉu Britujo montros la vojon?** Propono de Novzelandano. Verkis H. E. Hyde. Tradukis M. C. C. Batter. Eldonita de la aŭtoro. Ricevebla ĉe The British Esperanto Asociation, 17, Hart Street, W. C. 1 London. Angleterre. Prezo: 8 Sd.

**Lilio**.— Belega rakonto originale verkita en Esperanto de *E. Alleyne Sinnote*, el Melbourne. Prezo: Sm. 1.25 (Aldonu 10 °/₀ por sendelspezoj). Brita Esperantista Asocio. 17, Hart Street, W. C. I. London. Anglujo.

## Novaj gazetoj ricevitaj

**Bulteno de la Kataluna Esperantista Federacio.** Redakcio kaj Administracio: Via Massa gué 55. *Sabadell-Katalunujo. Hispanujo.* Jarabono: 1.20 Sm. Oni akceptas respondkuponon.

**Esperanta Finnlando.** Oficiala organo de Esperanto-Asocio ne Finnlando. Ĝi eliras kiel feliotono al «Kodin Lehti». Ĉefredaktoro: Sro *Vilho Setälä-Mikkeli, Finnlando.*

## Brazila Esperantisto

Listo de helpabonantoj dum la jaro 1918:

| | |
|---|---|
| Alberto Couto Fernandes | 10$000 |
| H. Motta Mendes | 10$000 |

## KORESPONDADO

**Sinjoro Theocrito Nemirolubov**, rua da Imperatriz, 102, **Recife. Pernambuco. Brazilio**, deziras korespondadi per poŝtkartoj.

**Sro Juan P. Titoy.** *Catamarca*, 1771. *Rasario, Argentino*, deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj.

**Sro W. de Lerber**, *Granjy, 29, Lausenne Suisse*, deziras korespondadi per poŝtkartoj kaj interŝanĝi poŝtmarkojn.

## LIVROS

Na *Papelaria Confiança*, á rua dos Andradas n. 71, encontram-se á venda diversos livros em e sobre Esperanto, entre os quaes os seguintes:

| | |
|---|---|
| Curso Elementar de Esperanto, por M. Mendes e C. Fernandes | 1$500 |
| Esperanta legolibreto | $500 |
| Vortareto esperanta-portugala | $400 |
| *Manfredo*, drama poemo de Byron, esperantigita de Dr. Venancio da Silva | 1$000 |
| *Parizina*, poemo de Byron, esperantigita de Dr. Venancio da Silva | $800 |
| *O Esperanto*. Conferencia do Dr. E. Backheuser | $500 |
| *Esperanto*. Conferencia do Dr. Antonio C. de Arruda Beltrão | $500 |
| Vortaro Esp. portugala, de Tobias Leite | 1$500 |
| Diccionario Port-Esperanto, de Tobias Leite | 4$000 |
| Guia de Conversação, de Tobias Leite | 1$200 |
| Chave de Esperanto. Uma | $100 |
| Duzia | 1$000 |

## Livros em Esperanto

Acham-se á venda na Livraria Leite Ribeiro & Maurillo, á Rua Santo Antonio n, 3 (defronte do Hotel Avenida.)